




2/2005
Februaro/Marto

# Sukcesa Hamburga Vintro

De al 2a ĝis la 5a de Decembro 2004 okazis renkontiĝo por kiu ni varbis en tuta Germanio. Kune kun kvin ekster-hamburgaj gastoj partoprenis ankaŭ kelkaj klubanoj en la interesa programo.
Estis sukcesa okazaĵo. Ĉio funkciis bone, kaj niaj gastoj estis kontentaj. Montriĝis, kiom valoras nia propra domo, kie ni povis sidi kune en agrabla etoso.
La programo enhavis prelegon kaj filmon pri la klubo, prezentadon de nova broŝuro pri la urbo, vizitadon de kristnaskaj foiroj kaj la urbo, gvidata de *Peggy Ley*, manĝadon kun rigardo al la Alster-lago.
Vendredon vespere ni havis internacian adventan kantadon en preĝejo kun kantisto *Ralph Glomp* kaj pianisto *Marcus Pengel*.
Sabaton vespere okazis nia tradicia Zamenhoffesto, kun prelego de *Jürgen Wulff*, rakontado de *Ralph Glomp* kaj menuo, kiun kuriris *Mariko Aoŝima* kaj mi.
Dimanĉon matene okazis gvidado tra la urbodomo kaj vizito de Michel-preĝejo.
Kelkajn tagojn poste alvenis ret-letero de *Inge Bartling*: ...mi kaj Klaus kun ĝojo pensas al vi kaj al nia bona restado en Hamburg kaj dankas vian gastamikecon...
Por 2006 ni jam planas "Hamburgan Printempon".

*Benno Klehr*

**Editoraĵoj**
Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg
Tel/Faks: +49 40 250 30 65

Prezidanto: Jürgen Wulff

Redaktoro: Benno Klehr

Retpoŝto: Esperanto-Hamburg

Redaktofino de

**Karaj legantoj,**
mi esperas, ke vi travivis agrablan tempon dum Kristnasko kaj Novjaro. Al la klubo Paĉjo Kristnasko bedaŭrinde ne portis donacon sed venis junulo, kiu rompis nian grandan montro-fenestron ĉe la strato. Felicĉe unu el niaj luantoj vidis tion kaj helpe de la polico sukcesis kapti la malbonfarulon. La nova vitro kostos pli-malpli 1000 eŭrojn. Ni ricevos la monon: Aŭ de la junulo mem, aŭ de nia asekuro, kiu poste per juĝejo repostulos ĝin de li.



n-ro 2/2005: 15-03-2005

**Sentenco**

Ĉiu klopodu nur en sia metio,
tiam al la urbo mankos nenio.

*Zamenhof*

Nun ni pripensas, ĉu ne estus pli bone, je tiu okazo renovigi la tutan fenestron, kiel ni planis jam antaŭ la renovigo de la necesejoj. La mil eŭroj nur sufiĉos por simpla vitro, kiu malbone izolas kontraŭ bruo kaj malvarmo. Estus pli bone, havi du malgrandajn fenestron kun pli dika vitro. Tio kostos multe pli, sed alikaze ni nun ricevos monon, la fenestro estas 50jara, kaj post kelkaj jaroj ni tamen devos pagi la tutan renovigon.
Ni parolos pri tiu temo dum la jarĉefkunveno.
Venu kaj kundecidu!

*Benno Klehr*

---

**Nia programo**

| Februaro | Marto |
|---|---|
| **3** *Rudi Haberland:* **Inter la Germana kaj Usona frontoj 1940** | **3** *V. Stanicic-Burchards:* **La nova germana leĝo pri enmigrado** |
| **10** Klubejo fermita pro sabata festo | **8 19 h** *JürgenWulff* invitas (Mardo!) |
| **12 Harema Festo** | **10** Klubo fermita pro marda naskiĝfesto |
| **17 Jarĉefkunveno** | **12 14 - 18 h: Kurso por progresintoj** |
| **19 14 - 18 h: Kurso por progresintoj** | **17 Preparado por Eŭropa semajno** |
| **24** *Benno Klehr:* **Lingvaj Ludoj** | **24 Ovo Kunveno** antaŭpaska vespero |
| | **31 Klubaj aferoj** |

**Merkredon mortis Friedel Sudec**

Zagreb, 19.01.2005: *Elfriede Sudec*, iama membro de HES, mortis en aĝo de 79 jaroj. Jam en la 50aj jaroj *Friedel Günther* skribis protokolon por la klubo, kaj inter 1966 kaj 1972 ŝi estis kasistino. En 1967 ŝi edziniĝis al *Milan Sudec*, fuĝinto el Jugoslavio, kiu estis sekretario inter 1971 ka 1978. Post sia laboro kiel kasistino

*Friedel* multe helpis dum UK en 1974 kaj en la kuirejo de la klubejo en Langenfelde. En 1985, post ŝia pensiiĝo, ili translokiĝis al Hispanio - kaj post la sendependiĝo al la hejmlando de *Milan:* Kroatio. En Marto 2002 *Esperanto Hamburg* raportis pri plantado de olivarbo en Poreĉ/Istrio kun la nomo *Hamburg* fare de *Friedel* resp. *Elfi Sudec*.

**Ni funebras**
**pro la morto de Friedel Sudec**
**1925 - 2005**

Se vi deziras kondolenci skribe, jen al adreso:
Milan Sudec • Creska 32 • HR-52440 Poreĉ

Re al Esperanto en Hamburg